21a Jaro - No 12 (226) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Decembre 1935

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista

Poŝtĉeko: No 1337.67 (Wilrijck) Por anoncoj: H. PÉTIAU, Gento

DIREKTORO
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

### Antaŭ la jarfino

## Ni bezonas ĉies nepran Helpon

Tiu ĉi numero aperas kun kelktaga prokrasto.

Tiu prokrasto estas kaŭzita de antaŭedecidita... decido de la Ligestraro, kiu kunvokis la Komitaton de la Reĝa Belga Ligo Esperantista, por la 1-a de Decembro en Bruselo, por ke tiu ĉi alprenu gravajn decidojn, kies ekkono estas sufiĉe interesa por pravigi tiun prokrasteton.

Kaj mi tuj diru, ke la decidoj, alprenitaj kaj la novaĵoj sciigitaj, estis multe pli ĝojigaj ol ni povis antaŭvidi.

Unua grava demando estis, ĉu, dum proksima jaro, la Ligestraro ankoraŭ povos liveri al la membroj ĉiumonatan gazeton.

Estas sekreto por neniu, ke tio jam en la antaŭaj jaroj okazis, nur dank'al la iom gravaj rezervoj, kiujn posedis Belga Ligo.

La Ligestraro opiniis, ke ne estus bone elĉerpi tiujn rezervojn ĝis la lasta centimo.

Feliĉe la Komitato kapablis lastmomente restarigi sufiĉe tiujn financojn, por ebligi regulan aperigon de nia revuo almenaŭ dum la unuaj venontaj monatoj.

La resto de la laboro ne plu dependos de ĝi... sed de vi ĉiuj, Karaj Legantoj, de kiuj ni atendas plian subtenon.

Ni atentigas vin pri la nepra neceseco alvenigi al ni, eĉ en tiu kriza periodo, novajn pagantajn membrojn ; pri la neceseco ankaŭ, havigi al ni kelkajn pliajn anoncojn, por anstataŭi tiujn, kiuj, pro diversaj kaŭzoj, forfalis.

Por tiuj, kiuj, en la malfeliĉaj cirkonstancoj, kiujn ni travivas, tamen ankoraŭ disponas pri iom da mono, ni memorigas tie ĉi, pri la speciala membreco, kiun ni starigis pasintan jaron.

Temas pri la pago de *Fr. 100* al la Grupa Kaso, se oni estas membro de grupo ; al la liga kasisto, se oni estas izola membro.

Pasintan jaron, dekduo formis la honoran roton de la bonvolaj subtenantoj de la Belga Movado. Ni ordinare ne estas postulemaj, sed ni ne diros nian kontentecon, se tiu nombro ne triobliĝas ! T i o devas esti ebla en Belgujo !

Kaj post tiu iom malgaja prediketo, ni volas diri al vi, ke via estraro kaj via komitato siaflanke promesas fari ĉion eblan por vivigi la movadon en nia Lando.

La organizo de la Kongreso, kiu, kiel ĉiuj jam scias, okazos, la proksiman jaron, en La Louvière, estas jam en tre bona vojo, kaj nome de la Loka Kongresa Komitato, S-ro Tassin, povis alporti tiom da ne-oficialaj sciigoj, ke ni jam povas esti certaj pri la plena teknika sukceso.

La Sabaton okazos jam vizito de la urbo, sub gvidado de la « Association Touristique » kaj akcepto de la Komerca kaj Industria Ĉambro.

Dimanĉe antaŭtagmeze, oni antaŭvidas la ordinarajn programerojn : specialan Diservon ; akcepton en la urbdomo; fotografadon ; kongresan kunsidon. Poste festeno, kun tiu allogaĵo, ke, je antaŭefiksita horo, kelkaj el la paroladoj, nome tiuj de la eksterlandaj samideanoj, estos, pere de Radio Wallonia-Bonne Espérance, radiofonie dissendataj.

Sur la programo de la vespera festo, la organizantoj klopodas havi la reprezentadon de speciala parola filmo en Esperanto !

Kaj kompreneble granda dancfesto konkludos la dimanĉan tagon.

Sed la lundo ankoraŭ estos plena kongrestago. Okazos vizito de vitrofabrikejo en plena laboro ; kaj de la granda ŝiplevigilo, kiun oni speciale funkciigos por ni tiun tagon, kaj fine, post plia festeneta manĝo : vizito al la fama Parko kaj Muzeo de Mariemont !

Kun tia programo, ĉiuj konsentos, ke la organizantoj rajtas postuli la alvenon, en la valona urbo, de multnombra kongresanaro.

Kaj tie denove rekomenciĝas la prediketo : Mi faras varman alvokon al ĉiuj, tuj pagi en tiu monato de Decembro, kotizon 15,- frankan.

Sciu vi, kiuj ne jam pagis, ke ĝis hodiaŭ 67 jam faris sian devon.

Tio estas bela rezultato, se ni konsideras la daton, kaj ni ne rezistas nian emon publikigi, ke, ekster La Louvière, kie jam 17 enskribigis sin, la aliaj urboj estos reprezentataj jam certe : Antverpeno de 15 ; Bruselo, Bruĝo kaj Gento de 8 ; Ninove de 2, kaj diversaj aliaj urbetoj kaj komunumoj de 1 kongresano.

El ĉiuj la cititaj urboj ankoraŭ multaj aliaj devas aliĝi dum tiu ĉi jarfino !

Maur. JAUMOTTE.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

## XXV-a Belga Esperanto-Kongreso

**La Louvière 30-31 Majo-1 Junio 1936.**

5-a INFORMBULTENO :

— En nia lasta bulteno, ni diris nian ĝojon vidi la Komercan kaj Industrian Ĉambron doni al ni pruvon de simpatio akceptante ke nia XXVa estu lokata sub ĝia patroneco. Hodiaŭ, ni povas anonci ke la urbestro de La Louvière, S-ro Victor Ghislain, akceptis la titolon de honora prezidanto de nia XXVa.

— Ni memorigas pri la eldono de bela reliefa glumarko kaj esperas ke ĉiuj gesamideanoj volos havi tiun propagandilon. Oni mendu ĝin grandkvante por helpi nin. (100 ekzempleroj estas sendataj post ricevo de la sumo de 5 frankoj, al la poŝtĉekkonto 111.910 de la XXVa Belga Kongreso de Esperanto — La Louvière). Ĝis nun , pli ol 5.000 glumarkoj estas venditaj.

— S-ro René Falise, eldonisto kaj libristo en La Louvière, simpatie por nia movado promesas al ni eldoni, okaze de nia Kongreso, kolekton de 10 ilustritaj kartoj pri nia urbo, kun teksto en Esperanto.

*La Loka Komitato.*

---

Ĉu via nomo jam aperis tie ĉi?
vi deziras ke ĝi aperu proksiman monaton?

**SENDU** do tuj 15 Fr. al la P.Ĉ.K. 1119.10 de « XXV-a Belga Kongreso de Esperanto » — La Louvière.

**Helpu la organizantojn per frua aliĝo !**

---

CENTRA REGIONO

## La "Bienaro de Mariemont"

*Kiel oni vidis per la ĉefartikolo, la kongresanoj en 1936 vizitos la faman Bienaron de Mariemont.*

*Ni tial presas tie ĉi, tiun interesan klarigan tekston :*

Sur la teritorio de Morlanwelz lokiĝas meze de la arbarego la bienaro de Mariemont, la juvelo de la Centra Regiono.

En tiu impona ĉirkaŭaĵo ekvokiĝas pluraj jarcentoj de riĉaj festoj, sed ankaŭ multe da jaroj de maltrankvilo kaj detruoj.

La naturo perforte ekokupis la ruinojn de Mariemont kaj kiel oni diris prave ilin ornamis per eterna juneco ; ĝi ĵetis sur iliaj dissemitaj membroj kiel vualon de verdaĵo kaj floroj.

Ni donu mallongan resuman raporteton cetere tre nekompletan pri la Bienaro de Mariemont.

La belegaj kolektaĵoj de Mariemont povas esti vizititaj ; la legomĝardenoj kaj la flordomoj estas luitaj al la Hanagovia provinco, kiu fondis en impone bela kadro ĝardenkulturajn, arbarkulturajn kaj bredetajn lernejojn.

*Ĝia parko* estas unu el la plej belaj de la lando ; ĝi estas ornamita per bronzaj kaj marmoraj skulptaĵoj de Rodin, Victor Rousseau, Jef Lambeau, Constantin Meunier, Godefroid Devreese, kaj ankaŭ per rimarkinda kolekto de ĥinaj statuoj, grandega Buddha, la centmana diino, ĥino portiko.

*Ĝia muzeo* entenas, — ni citu hazarde inter la multego de la artaĵoj — : En la enira halo, nuntempajn skulptaĵojn de Simonis, de Greefs, de Devreese ; grandegan parfumbruligilon el fakigita emajlo.

Ĉambregon kun malnovaj puntoj, tratitaj fadenoj, broditaj retoj kaj kolekto de ekstremorientaj ŝtofoj. Serion da salonoj laŭ stilo «Restauration», ornamitaj per tapetaĵoj kaj artaj pentraĵoj inter kiuj de Gallait, De Keyser, Lagye, Madou, Diaz de la Pena, Ziem, Claye, Schotel, Boulengé, Alfred Stevens, Roybet, Corot. Oni vidas ankaŭ tie malnovajn kaj modernajn arĝentaĵarojn kaj malnovajn porcelanojn de Bruselo. La ĉambrego de la ĥinaj porcelanoj entenas multajn grandvalorajn ekzemplerojn kaj aparte kvin artobjektojn de la Ming(a) periodo (verda familio) telerojn, ovŝelojn, jadojn kaj rokajn kristalojn, opioflakonojn, ĥinan meblaron, ceremoniajn kostumojn.

La ĉambregon de la egiptaj antikvaĵoj.

La ĉambregon de la marmoraĵoj (grekaj kaj romaj antikvaĵoj).

Inter la marmoraĵoj, kaskevestita junulo, ĉasta Afrodito, la statuo de Iziso, statuoj de Apolina kaj de Pan la freskoj de Visco Reale, proksime de Pompei, kapo de Kleopatro tri metrojn alta, du grandaj ĥinaj porcelanaĵoj de la XVIIIa jarcento, kolektaĵo de japanaj kaj hindaj diecoj.

Ĉambregon entenanta ekstremorientajn bronzartaĵojn. Ĉambregon en kiu estas prezentataj latunĵaroj, eburaĵoj mirinde facetitaj, emajlaĵoj kaj lakaĵoj.

Skermoĉambron kaj armilarĉambregon.

La granda galerio de la kastelo entenas unikan kolekton el senglazura porcelano kaj el malnova porcelano de Tornako.

En la arĥeologia muzeo estas kunigitaj multaj artobjektoj, vazoj, urnoj, armiloj, medaloj, juveloj de la franka periodo, precipe trovitaj dum esplorfosadoj efektivigitaj en Centro.

La grandvalorega biblioteko entenas 30.000 numerojn inter kiuj oni trovas specimenojn el la origina periodo de la presarto, gotajn, plantiajn kaj elzevirajn stampilojn, unuajn eldonojn kaj lukse belan kolekton de malnovaj bindaĵoj.

Tiu elnomado, tro mallonga, nur estas modesta resuma raporteto de la artaj riĉaĵoj de Mariemont ; per sia originaleco kaj sia varieco, la muzeo estas unu el la plej rimarkindaj de Belgujo kaj de la kontinento.

*Laŭ franca teksto eltiris el la libro « Centro »,*
V. DAUCHOT.

---

## MEMORU NI NIAN MAJSTRON

**ZAMENHOF-TAGO: la 15-an de Decembro**

# BELGA KRONIKO

### Grupa Kalendaro

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 21 h. : kunsido laŭ indikita programo.

La 7-an de Decembro : « Cocktail »-vespero, kun la helpo de diversaj bonaj kunlaborantoj.

La 14-an : Zamenhof-festo : Koncerto.

La 21-an : Legado de teatraĵeto.

La 28-an : Kristnaskfesto por la plenkreskuloj *(ĉiu kunportu surprizon).*

La 29-an : Kristnaskfesto por la infanoj, je la 3-a.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn - Cornet d'Or », placo Simon Stevin ; KUNVENEJO: Kafejo « Vlissinghe » ĉe S-ano V. Jéhansart.

La 3-an de Decembro (en la Sidejo) : Priparolado pri « Savado », de F-ino Corrie Leibbrand, Profesorino pri naĝarto. Praktikaj ekzercoj kun kunlaboro de F-ino Juliette Boedt. (Prez. F-ino M. J. Vanden Berghe.) — Poste dancleciono.

La 10-an (en la Kunvenejo) : Senpaga vespermanĝo « Mituloj kaj frititaj terpomoj », nur por la membroj. Oni enskribiĝu kelkajn tagojn antaŭe ĉe S-ro V. Jéhansart.

La 14-an (Sabaton, en «Muntpaleis, Palais de la Monnaie») : je la 21-a, Granda Propaganda Balo, kun kotiljonoj, amuzaĵoj, tombolo kaj « Baleto de la Gilles ». Enirprezo : 5 fr. (por membroj nur 2,50 fr.). Kartoj antaŭmendotaj ĉe la Sekretario : S-ro G. Groothaert.

La 17-an (en la Sidejo) : Zamenhofa Vespero. Kantoj, Deklamadoj, ktp. (Prez. F-ino Y. Thooris.)

La 24-an (antaŭtago de Kristnasko - en la Kunvenejo) : Kantvespero sub gvidado de Sino Ch. Poupeye, kaj de F-ino A. Boereboom.

La 31an (antaŭtago de Novjaro - en la Kunvenejo) : Surpriza Vespero. Ĉiu alportu surprizan donaceton. Intima Novjarkunesto. (Prez. S-ro G. Groothaert.)

GRAVAJ SCIIGOJ : Pro neantaŭvidita malhelpo de nia ĉefaktoro S-ro G. Dotselaere, la festo honore de S-ro Sylvain Dervaux, Honora Prezidanto, ne povos okazi la 8-an de Decembro kaj estas prokrastata ĝis la dimanĉo, 26-a de Januaro, je la 17-a en la Sidejo.

La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde, *kaj ankaŭ ĉiuvendrede dum la daŭro de la kurso*, de la 19,30-a ĝis la 20-a, en la grupa sidejo « Gouden Hoorn — Cornet d'Or» . Bibliotekistoj : S-roj Ch. kaj J. Decoster. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantaĵoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, ktp.

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

GENTO. — « **Genta Grupo Esperantista** » — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 : ĉiumerkrede je la 7a vespere.

LA LOUVIERE. — « **Verda Stelo** », Esperantista grupo de la Centra regiono.

*Radio Valonia Bonne Espérance.* — La 15an de Decembro je la tria, S-ro A. Tassin, parolos pri nia Majstro Doktoro Zamenhof.

LIEĜO. — « **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto** ».

CHENEE : ĉiulunde, je 7-a horo : perfektiga kunveno ĉe F-ino Baiwir, rue des Grands Prés, 72.

LIEĜO : ĵaŭdon 12-an de Decembro, je 8-a horo, perfektiga kunveno en Grand Hôtel du Phare, place Maréchal Foch.

SCLESSIN : ĵaŭdon 5-an kaj 19-an de Decembro, je 7 h. 30, perfektigaj kunvenoj en Kafejo Dechesne, rue Ern. Solvay, 1.

### Grupaj Raportoj

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — La 2-an de Novembro (Tago de la Mortintoj) kaj la 9-an okazis nur intimaj kunsidoj.

La 16-an, S-ro Charles Van der Veken faris tre bone sukcesintan paroladon pri la politika situacio en Germanujo kaj, pli speciale, pri la Hitler-libro « Mein Kampf ». Tiu ĉi parolado kondukis al la interŝanĝo de pensoj kaj ideoj.

La 23-an : S-ro Faes daŭrigis sian interesan paroladon pri la Banado. En ambaŭ okazoj S-ro H. Boffejon, vicprezidanto, anstataŭanta S-ron Jaumotte, dankis en varmaj vortoj la du paroladintojn.

La 30-an, diskutvespero, lerte kaj sprite enkondukita de S-ro Ch. Van der Veken, amuzis kaj interesis samtempe la ĉeestantaron. Temis pri la ne tre bele nomita « Antilawaai-week » aŭ « Semajno kontraŭ la bruo ».

**BRUĜO. — " Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — La 22-an de Oktobro F-ino Thooris, Prezidantino anoncis, ke la Komitato elektis S-ron Ch. Poupeye, kiel vicprezidanto kaj ke S-ro G. Groothaert anstataŭos lin kiel sekretario. Unuanima aproba aplaŭdo salutis tiun bonan novaĵon kaj S-roj Poupeye kaj Groothaert dankis pro la honoro. Post tiu unua bona surprizo, la laŭprograma « surpriza vespero » daŭriĝis, sub gvidado de la nova sekretario S-ro Groothaert. Aperis paketoj, donacoj de kelkaj membroj ; la enhavo fariĝis ĉiufoje la propraĵo de la diveninto. Fine, kiel lastan surprizon, S-ro Poupeye, kun la helpo de Ges-roj Groothaert, prezentis amuzan teatraĵeton « La imagoplena Verkisto » de li verkitan kaj kiu ĝuis grandan sukceson.

La 29-an la ĉeestantoj faris kelkajn skribajn ekzercojn sub la gvidado de F-ino M. J. Vanden Berghe ; poste S-ro P. De

---

# Sta. Nikolao, Zamenhoftago, Kristnasko, Novjaro

Tiu Decembra monato estas speciale indikita por fari donacetojn kaj por akiri librojn kaj presaĵojn.

Ni atentigas vin, ke krom ĉiuj libroj kaj objektoj, kies ekziston en la Esperanto-magazeno, Willemsstrato, Antverpeno, vi ĉiuj konas, ankaŭ tie estas akireblaj :

*Foto-albumoj — Ledaj Librokovraĵoj — Poezilibroj — Aŭtograflibretoj — Albumoj ĉiuspecaj por infanoj (kun rakontetoj aŭ por pentri) — Grandega kolekto de poŝtkartoj kun bondeziroj — Diversaĵoj por kristnaskarbo — « Garnitaj » plumskatoletoj — Kompasskatoloj, ktp.*

Ni atentigas pri nia alvoko en antaŭa numero, kaj ripetas nian demandon :

*Ĉu jam ĉiuj, almenaŭ unufoje, faris sian devon ?*

Vooght donis danclecionon kiel preparon al la Propaganda Balo.

La 1an de Novembro multaj gesamideanoj partoprenis kun la grupa flago en la ĉiujara sekvantaro ĝis la milita tombejo, kaj post la oficiala ceremonio, ili vizitis la tombojn de la mortintaj samideanoj kaj tutunue tiun de la karmemora Fondinto-Prezidinto A. J. Witteryck. Kiam la sekvantaro trairis la Grandan Placon, floroj estis metataj, nome de la grupo, antaŭ brustobildo de la formortinta Reĝino Astrid.

La 5-an de Novembro, S-ro Poupeye gvidis kaj klarigis la legadon de « Belga Esperantisto ». La vespero finiĝis per intima interbabilado. Dancleciono ne okazis pro partopreno en la funebro de la prezidantino F-ino Thooris.

La 12-an F-ino C. Willems faris priparoladon « Legi estas arto ». Tiu meritplena laboro estis multe ĝuata kaj varme aplaŭdata de ĉiuj ĉeestantoj. F-ino Thooris gratulis kaj dankis la parolantinon en la nomo de ĉiuj. S-ro Groverman aldonis kelkajn vortojn kaj beletan donacon. Sekvis malgranda debato pri la sama temo. Poste okazis dancleciono sub gvidado de S-ro De Vooght.

La 19-an, sub gvidado de F-ino A. Boereboom kaj de S-ino Poupeye, okazis kantvespero. Fine S-ro De Vooght instruis de li elpensitan Baleton de la « Gilles ».

La lecionoj por komencantoj okazis regule ĉiuvendrede en la grupa sidejo, sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye kaj estis regule sekvataj. La nombro de novaj gelernantoj post la unuaj lecionoj eĉ plialtigis ĝis 29.

**LA LOUVIERE. — Esp.-Grupo « Verda Stelo ». —** La novaj kursoj estis malfermataj en la salonoj de la « Komerca kaj Industria Lernejo ». S-ro Parfondry, instruisto, talente, gvidas la lecionojn antaŭ proksimume 30 lernantoj.

# Familia Kroniko

## GRATULOJ.

Al S-ro Georges Groothaert, Sekretario de la Bruĝa Grupo, kiu estis honorigata, kiel Kavaliro de la Ordeno de Leopoldo la II-a.

## KONDOLENCOJ.

Al F-ino Yvonne Thooris, Prezidantino de la Bruĝa Grupo, kaj al ŝiaj familianoj, pro la morto de ŝia onklo S-ro Willem Thooris (4-11-'35).

## La Kongreso de la Nord-Francaj Esperantistoj

Multaj amikoj el la franca Nordo promesis jam al la Belga Ligestraro, ĉeesti la belgan kongreson en La Louvière, kiu estas por ili vere najbara urbo.

Se ni ne povas antaŭvidi, ke la Belgoj, pro nia rea devaluacio, iros same multnombre al la Kongreso de la Franca Norda Regiono, kiu okazos du semajnojn post la nia, t.e. la 13an kaj 14an de Junio, ni tamen volas fari alvokon, por ke nia Lando estu dece reprezentata.

Tial ni presas volonte la informon de la L.K. de la Kongreso, kiu okazos en Hautmont, la centro de la « Malgranda Norda Svisujo ». La kotizo estas 10 Fr. fr. post la 31a de Januaro. Ĝis tiam nur la duono !

Oni povas sendi aliĝojn al S-ro Marcel Cavier, 20, rue Aimé Collet, Hautmont (Poŝtĉekkonto Lille 503.33).

La L.K.K. certigas, ke ĝi ĉion aranĝos plej malmultekoste.

# HALTU

*(Originala Noveleto)*

Antaŭ kelkaj semajnoj mi devis punpagi, pro la fakto ke mi biciklis, en iu strato, ne tenante per la manoj mian gvidilon.

La policisto plej ironie klopodis konvinki min ke akrobatojn oni nur bezonas en la cirkoj kaj ke estas nedece, bicikli kiel frenezulo.

Li vere miris kiam mi ridetis ; ne pro li aŭ liaj rakontoj, — ho ne ! — sed mi nur pensis aŭ klopodis imagi pri tio kion oni farus kun policisto en kies kapon venus la ideo haltigi iun Pelissier en la « Tour de France », ĉar li tenus ambaŭ manojn en la nuko ekzemple. Mi tamen ne faris rimarkojn kaj kelkajn tagojn poste mi pagis.

Sed nun mi troviĝis jam en pli danĝera situacio ; se denove io mankus al mia biciklo, se denove mi biciklus « kiel frenezulo » mi devus pagi multe pli grandan sumon. Sekve mi estis tre atenta, tre singarda.

Sekve ankaŭ de tiu timo pri dua punpago, mi laboris du tutajn tagojn — kaj ĉio tio dum libertempo ! — por ripari miajn lumigilojn ; mi ja havas belegan antaŭlumigilon, kiu cetere ne tre bone lumigas, kaj malpli belegan malantaŭan kiu neniam funkcias. Feliĉe post multaj klopodoj, ŝanĝoj, esperoj kaj malbenoj, hazarde ili ambaŭ funkciis.

Evidente pro kontenteco mi tuj, ĉe l' mallumiĝo, ektrabiciklis la tutan urbon kaj, kiom mi timis antaŭe, tiom mi ĝojis tiam, ĉiufoje ke mi ekvidis policiston.

Kiam mi jam estis preterpasinta dudekon da ili, mi decidis hejmenbicikli.

Kaj tiam ĝi okazis !

En mallarĝa, malluma strateto mi subite aŭdis iun vorton ; vorton kiu min timigis, kiu poste min surprizis, sed eble mi eraris. Ne, jen ĝi estas denove : « Haltu ! »

La afabla tono, la nekomparebla ĝentileco, tuj konvinkis min ke la parolinto — mi preskaŭ diris la invitinto —, estis membro de la polica korpuso. Do, mi haltis.

Kaj jen el la mallumo antaŭeniĝis dika policisto kiu scivole min rigardis kaj kiel bubo gapis al mia biciklo.

Evidente interdume mi pripensis ĉiujn eblajn : « eksterleĝaĵojn ; ĉu mi ludis la rolon de akrobato ? ĉu mi denove biciklis kiel frenezulo ? ĉu eble senkonscie mi momente ne tenis plu en la manoj la gvidilon de mia biciklo ? Certe ne ; eĉ miaj ambaŭ lampoj produktis belegan lumstrion sur la pavimo : kion pensi do ? »

Nu, tiam venis la solvo de la problemo el la buŝo de la dika ordogardisto mem :

« Mi diros al vi, Sinjoro, ke mi tuj rimarkis kiom bonege lumigas viaj lampoj kaj tial mi volis foje ekzameni kiel vi aranĝis tion, ĉar la miaj neniam bone funkcias... »

Henri RAYMOND

**ZAMENHOFTAGO : FESTOTAGO!**

# LA BELGA KONSTITUCIA LEĜO

*(Sekvo)*

Art. 56bis. — Tiuj kategorioj por la elekto de « kooptaj » senatanoj, estis starigataj por ke oni povu alpreni en la Senato personojn, kiuj estas speciale kompetentaj en iu rilato, sed kiuj ne sin miksas en la politiko kaj ne deziras sin prezenti por baloto. Efektive kaj en la praktiko, tiu kategorio plej ofte permesas « rekapti » la influajn politikistojn, kiuj per iu malŝanco ne estis reelektataj kaj kiuj, alimaniere, estus forĵetataj el la politiko, por almenaŭ kvar jaroj.

Art. 56ter. — La senatanoj elektitaj de la provincaj konsilantaroj ne povas esti membro de la kunsidantaro, kiu elektas ilin, nek esti kunsidinta en tiu ĉi dum la jaro de sia elektado aŭ dum la du antaŭaj jaroj.

Art. 56ter. — Tiu malpermeso nur valoras por la senatanoj elektataj de la provincaj konsilantaroj. Sed provinca konsilanto povas sin prezenti al elektadoj por la Deputitaro kaj por la Senato; li tamen ne povas kunsidi samtempe en ambaŭ. Se do li akceptas sian elektadon en unu el la Ĉambroj, li devas eksiĝi el la provinca konsilantaro. Oni tamen povas esti samtempe konsilanto en komunumo kaj en provinca konsilantaro aŭ en Ĉambro.

Art. 56quater. — Ĉe disigo de la Senato, la Reĝo povas disigi la provincajn konsilantarojn.

La ordono de disigo alvokas la provincajn elektantojn en kvardek tagoj kaj la provincajn konsilantojn en la du monatoj.

Art. 56quater. — Tiu ĉi artikolo, kiu datumiĝas de 1921, estis necesa, ĉar la Konstitucia Leĝo en sia art. 71 fiksas ,ke la Reĝo rajtas disigi la Ĉambrojn, sed ne parolis pri provincaj kaj komunumaj konsilantaroj, kiuj do nur per leĝo estas disigeblaj. De la momento, kiam provincaj konsilantaroj kunlaboris al la formado de la Senato, estis justa, ke disiga povo de la Reĝo ankaŭ plilarĝiĝu kaj estu aplikebla al la provinca konsilantaro, sed nur en la speciala okazo kiam la Senato estas disigata.

Art. 57. — La Senatanoj ne ĝuas jaran kompenson. Ili tamen rajtas al perdokompenso por siaj elspezoj ; tiu perdokompenso sumiĝas je 4.000 fr. jare.

Plie, ili rajtas senpage uzi ĉiujn veturrimedojn, kiujn la Ŝtato ekspluatas kaj kiujn ĝi koncesias .

La leĝo fiksas la aliajn veturilojn, krom la supre cititaj, kiujn ili povas uzi senpage.

Art. 57. — La du lastaj paragrafoj datumiĝas de 1921. La sumo altiĝis tamen ĝis 28.000 fr.

Art. 58. — La filoj de la Reĝo, aŭ se ne estas, la Belgaj princoj de la linio de la Reĝa Familio, kiu devos regni, estas senatanoj laŭleĝe je l'aĝo de 18 jaroj. Ili havas voĉdonrajton nur je l'aĝo de 25 jaroj.

Art. 58. — La du filoj de la Reĝo Alberto estis do laŭleĝe senatanoj. Kiel ni diris ĉe art. 54 nur la Princo Leopoldo faris la ĵuron kaj kunsidis en la Senato. La Grafo de Flandrio, Princo Karolo, neniam esprimis la deziron kunsidi. Nun li ne plu rajtas, ĉar li estas frato de la Reĝo. La unua teksto citis nur la heredprincon.

Art. 59. — Ĉiu kunsido de la Senato, kiu okazas ekster la kunsida periodo de la Deputitaro estas senvalora laŭleĝe.

## ĈAPITRO II. — **Pri la Reĝo kaj la Ministroj.**

### *Sekcio unua.* — **Pri la Reĝo.**

Art. 60. — La laŭkonstitua povo de la Reĝo estas herede transdonebla al la natura kaj leĝa posteulo en rekta linio de L.R.M. Leopoldo-Georgo-Kristiano-Frederiko de Sakso-Koburgo, de vir' al viro, laŭ rajto de unuenaskito kaj kun ĉiama forigo de la virinoj kaj ties posteuloj.

Estas nuligata, la rajto je la krono de princo, kiu edziĝas sen permeso de la Reĝo aŭ de tiuj, kiuj, se ne estas Reĝo, plenumas lian povon en la okazoj antaŭviditaj en la Konstitucia Leĝo.

Tiu rajtonuligo povas tamen esti forigata de la Reĝo aŭ de tiuj, kiuj, se ne estas Reĝo, plenumas lian povon ,en la okazoj antaŭvidataj en la Konstitucia Leĝo ; tio kun aprobo de la du Ĉambroj.

Art. 60. — Ĉar la Konstitucia Leĝo estis voĉdonata antaŭ la elekto de la Reĝo Leopoldo, la teksto komprenéble estis akceptata kun blanka spaco. Nur poste oni enŝovis la nomon.

Laŭ la teksto de la Leĝo, se iam do la rekta posteularo de Leopoldo de Sakso-Koburgo, ne plu devus enhavi virojn, la posteuloj de la fratoj de nia unua unua Reĝo ne havus rajton je la trono, ĉar ili estas heredontoj en flanka linio. Por la postaj reĝoj, tio kompreneble ne plu valoras, efektive la Reĝo Alberto ne estis filo de reĝo, sed de la Grafo de Flandrio, frato de Leopoldo IIa, sed li estis rektlinia posteulo de Leopoldo Ia, kiu estis lia avo.

En la originala teksto la du lastaj paragrafoj de la artikolo ne ekzistis. Rimarkote estas, ke por la tria paragrafo, oni antaŭvidis la enmikson de la Ĉambroj.

Art. 61. — Se ne estas viraj posteuloj de L.R.M. Leopoldo-Georgo-Kristiano-Frederiko de Sakso-Koburgo, la Reĝo povas nomi sian posteulon, kun aprobo de la Ĉambroj, laŭ la maniero fiksata per la sekvanta artikolo.

Se nomiĝo ne okazis laŭ la dirita maniero, la trono vakas.

Art. 62. — La Reĝo ne povas esti samtempe la estro de alia Ŝtato, sen permeso de la du Ĉambroj.

Neniu el ambaŭ Ĉambroj rajtas pritrakti tiun objekton, se almenaŭ du trionoj de la membroj, kiuj ĝin konsistigas, ne ĉeestas, kaj la decido estas akceptata nur se ĝi akiras almenaŭ la du trionojn de la voĉoj.

Art. 62. — Tiu ĉi artikolo estis aplikata, kiam Reĝo Leopoldo IIa intencis akcepti la tronon de Kongo-lando. Antaŭ ol Kongo-lando iĝis kolonio de Belgujo, ĝi estis la « Sendependa Ŝtato de Kongo-Lando », kun Reĝo Leopoldo, kiel monarĥo. Tiam estis do bezonata aprobo de la Ĉambroj.

Art. 63. — La persono de la Reĝo ne povas esti atencata ; liaj ministroj estas respondaj.

Art. 63. — Tiu neatencebleco estas ĝenerala kaj do ankaŭ temas pri la civilaj agoj de la Reĝo. La Reĝo ne povus esti juĝata, eĉ ĉe puna faro, kiun li povus plenumi. Tio tamen ne valoras por monaj malkonsentoj, kiuj povus okazi pro la estrado de la Reĝaj bienoj.

Art. 64. — Neniu decido de la Reĝo estas valida, se ĝi ne estas kunsubskribata de ministro, kiu, per tiu nura kunsubskribo, iĝas responda por ĝi.

Art. 65. — La Reĝo nomas kaj eksigas siajn ministrojn.

Art. 65. — En la praktiko, la Reĝo en kriza epoko, elektas ministron-prezidanton, kiu klopodas kunmeti registraron, kiu povas kalkuli pri plimulto en la Ĉambroj. Se li ne sukcesas, la Reĝo elektas alian. Fakte, tiu elektita ministro-prezidanto tiam prezentas al la Reĝo la liston de siaj estontaj kunlaborantoj. Sed la Reĝo sendepende povas juĝi, ĉu li akceptas la prezentatan liston.

Art. 66. — Li donas la gradojn en la armeo.

Li nomas la funkciulojn en la ĝenerala administrado kaj por la eksterlandaj rilatoj, krom la esceptoj, kiujn la leĝo indikas.

Aliajn funkciulojn li nomas nur laŭ preciza leĝordono.

Art. 66. — Inter la aliaj funkciuloj, kiujn la Reĝo nomas mem, oni devas citi la provincestrojn, la urbestrojn — kiujn li por 6 jaroj elektas en aŭ ekster la komunuma konsilantaro, se li juĝas tion necesa, kaj la polickomisarojn, kiujn la komunumaj konsilantaroj proponas al la Reĝa aprobo, kaj kies nomiĝo devas aperi en la « Belga Ŝtatgazeto » kaj esti renovigata ĉiujare.

Art. 67. — Li kunmetas la regularojn kaj prenas la decidojn necesajn por la plenumo de la leĝoj, sen ke li iam povu prokrastigi leĝon, nek sendevigi pri ĝia apliko.

Art. 67. — Sekve al Art. 29, laŭ kiu la rega povo kuŝas ĉe la Reĝo, li devas zorgi ke la leĝo estu aplikata. Se bezone li do devas per Reĝaj Ordonoj doni la necesajn informojn pri aplikado. Tiuj informoj tamen nur povas helpi al la plena apliko de la leĝo. Klarigan celon de neklara leĝo, tiuj Ordonoj ne povas enhavi laŭ art. 28, kiu donas tiun rajton nur al la leĝdona povo, kiu konsistas el la Reĝo kaj la du Ĉambroj.

Art. 68. — La Reĝo estras la fortojn surterajn kaj surmarajn, deklaras la militon, kontraktas pac-, alianc- kaj komerctraktatojn. Li informas pri ili la Ĉambrojn, tuj kiam la intereso kaj la sekureco de la Ŝtato tion permesas, kaj aldonas la oportunajn komunikaĵojn.

La komercaj traktatoj kaj la traktatoj, per kiuj la Ŝtato povus esti ŝarĝata aŭ Belgoj persone ligataj, nur estas validaj post kiam la Ĉambroj ilin aprobis.

Neniu cedo, neniu interŝanĝo, neniu aldono al la teritorio povas okazi se ne per leĝo. En neniu okazo la sekretaj artikoloj de traktato povas detrui la publikigitajn artikolojn.

Art. 68. — La multnombreco de la parlamentanoj devigis lasi al pli responda povo la zorgon subskribi alianc-traktaton. Post la milito, kiam Belgujo rajtis forlasi sian unuan eterne neŭtran sintenadon, ĝi subskribis alianc-traktaton kun Francujo. La Ĉambroj neniam ricevis komunikon pri ĉiuj detaloj de la traktato, sed laŭ la Konstitucia Leĝo ili rajtas fidi, ke neniu nekonata artikolo estos detruiga de la konataj, kiuj diras ke la alianco nur estas defenda.

La Konstitucia Leĝo ne diras, ke pac-traktatoj devas esti aprobataj de la Ĉambroj. Tamen la nura pactraktato, kiu iam interesis la Belgojn, nome tiu de Versailles, alportis al ni teritori-aldonon (la distriktojn de Eupen kaj Malmédy). Pro tiu artikolo jam, la aprobo de la parlamento estis deviga. Ankaŭ la fakto, ke ni akceptis mandaton sur la distriktoj de Ruanda-Urundi, je la orienta limo de Kongo-lando, necesigis tiun aprobon.

Art. 69. —Le Reĝo konfirmas kaj publikigas la leĝojn.

Art. 69. — Tio devenas de lia duobla atributo en la leĝdona povo kaj en la rega povo.

Art. 70. — La Ĉambroj laŭleĝe kunvenas, ĉiujare, la duan mardon de Novembro, krom se ili jam pli frue estis kunvokataj de la Reĝo.

La Ĉambroj devas resti kunvenantaj dum almenaŭ kvardek tagoj.

La Reĝo havas la rajton kunvoki la Ĉambrojn en eksterordinara kunvenperiodo.

Art. 70. — La celo estas klara, eviti ke la Reĝo aŭ la registaro en iaj okazoj, ekz. kiam la nova Ĉambro ne jam elektis sian estraron, kiu rajtas kunvoki, lasu la Ĉambron en sendifinita libertempo kaj regu sen ties aprobo.

Art. 71. — La Reĝo havas la rajton disigi la Ĉambrojn ĉu kune, ĉu ambaŭ aparte. En la disiga ordono la elektantoj estas kunvokataj en la kvardek tagoj, kaj la Ĉambroj en la du monatoj.

Art. 72. — La Reĝo rajtas prokrasti la kunsidojn de la Ĉambroj. La prokrasto ne povas esti pli granda, sen aprobo de la Ĉambroj, ol unu monato, nek ripetiĝi en unu kunsida periodo.

Art. 72. — La artikolo 71 garantias la povojn de la Reĝo, la artikolo 72 donas bone difinitajn limojn al tiu povo, tiamaniere ke ĝi ne povu esti trouzata de la Reĝo, kaj ke la principo, ke ĉiuj povoj devenas de la Nacio, neniam povu esti atencata.

Art. 73. — Li rajtas pardoni aŭ malgrandigi juĝopunojn, elparolatajn de la juĝistaro, krom tio, kio estas fiksata rilate al la ministroj.

Art. 73. — En sia artikolo 91 la Konstitucia Leĝo permesas ankaŭ tiun ĉi lastan pardonon, sed nur post peto de unu el ambaŭ Ĉambroj.

Art. 74. — Li havas la rajton fabriki monon, kiel plenumo de la leĝo.

Art. 75. — Li havas la rajton doni nobeltitolojn, sed ne rajtas atribui al ili iun privilegion.

Art. 75. — La Konstitucia Leĝo do rekonis la nobeltitolojn (princo, duko, grafo, limgrafo aŭ markizo, barono, kavaliro), sed sekve al art. 6, kiu decidis la ŝtategalecon de ĉiuj Belgoj, ĝi devis malaprobi la donon de privilegioj. Tion ĝi faris en tiu ĉi artikolo.

Art. 76. — Li donas la militordenojn atentante, tiurilate, pri tio, kion fiksas la leĝo.

Art. 76. — Estas en Belgujo 40 diversaj « dekoracioj » aŭ ordenoj, el kiu la precipa estas la Ordeno de Leopoldo, starigita de nia unua reĝo Leopoldo Ia; tiam sekvas la Ordenoj de la Afrika Stelo, de la Leono, de la Krono kaj de Leopoldo IIa starigitaj ĉiuj kvar de la reĝo Leopoldo IIa. Tiuj ĉi kvin ordenoj, estas la nuraj, kiuj posedas la diversajn gradojn de la ŝultrorubando, (Granda Kruco aŭ Kordono), de la grand-oficireco, de komandoro, de oficiro, de kavaliro kaj de medalito. Multaj ordenoj nur ekzistas de la Granda Milito, aliaj starigitaj memore de la okazintaĵoj de 1830 fakte ne plu ekzistas.

Art. 77. — La privata budĝeto estas fiksata per la leĝo, por la daŭro de la regno de la Reĝo.

Art. 77. — Por la du unuaj regnoj, tiu ĉi artikolo

estis sekvata laŭvorte. Je la komenciĝo de la regno de Alberto la lia privata budĝeto estis fiksita je 3.300.000 frankoj. Pro la postmilitaj okazintaĵoj, tiu sumo iĝis multe tro malgranda por permesi la elspezojn de diversaj sortoj, kiujn la leĝo mem metas je la ŝarĝo de la privata budĝeto. Por altigi tamen la sumon oni estus devinta ŝanĝi la Konstitucian Leĝon. La Parlamento tamen preferis per la klariga leĝo de la 23a de Julio 1927 fiksi la privatan budĝeton je 9.000.000 frankoj. En 1934 la « privata budĝeto » de Leopoldo IIIa estis fiksita je 12 milionoj.

Art. 78. — La Reĝo ne havas alian povon ol tiu, kiun la Konstitucia Leĝo kaj la sekve al la Konstitucia Leĝo deciditaj leĝoj, formale atribuas al li.

Art. 78. — Reaperas en tiu ĉi artikolo, la granda zorgo de niaj prapatroj, atentigi pri la fakto ke « *ĉiuj povoj devenas de la Nacio* . » Se do io ne estas antaŭvidata en la Konstitucia Leĝo, diskuto ne estas ebla, oni bezonas l e ĝ o n, kaj ne R e ĝ a n d e c i d o n.

Art. 79. — Ĉe l'morto de la Reĝo, la Ĉambroj kunvenas, sen kunvoko, plej laste la dekan tagon post la morto. Se la Ĉambroj estis antaŭe solvitaj kaj se en la solviga ordono, la novaj Ĉambroj estis kunvokataj je tempo posta al la deka tago, la malnovaj Ĉambroj reprenas siajn okupojn, ĝis kiam kunvenos tiuj, kiuj ilin anstataŭos.

Se nur unu Ĉambro estas solvita, oni sekvas la saman regulon por tiu ĉi Ĉambro.

De la momento de la morto de la Reĝo kaj ĝis la ĵuro de lia posteulo, la Konstitua povo de la Reĝo estas plenumata, nome de la Belga popolo, de la ministroj kunsidantaj kaj sub ilia respondeco.

Art. 80. — La Reĝo estas plenrajtaĝa, kiam li atingis sian dekokan jaron.

Li nur ekokupas la tronon post kiam li, en la kunvenintaj Ĉambroj, solene ĵuris, kiel sekvas :

« Mi ĵuras observi la Konstitucian Leĝon kaj la leĝojn de la Belga popolo, konservi la nacian sendependecon kaj la plenecon de la teritorio ».

Art. 80. — Rimarkinda estas denove la precizeco de la teksto pri la ĵuro de la Reĝo, kompare al aliaj aferoj, kie la zorgo efektivigi la decidon estas lasata al la leĝo.

Art. 81. — Se, je la morto de la Reĝo, lia posteulo estas ne plenaĝa, ambaŭ Ĉambroj kunvenas en kuna kunsido, por prizorgi la vic-reĝecon kaj la kuratorecon.

Art. 82. — Se la Reĝo estas en la neebleco regi, la ministroj, post kiam ili konstatigis tiun neeblecon, tuj kunvokas la Ĉambrojn. La kunvenintaj Ĉambroj prizorgas la kuratorecon kaj la vicreĝecon.

Art. 82. — Oni rimarku la diversan ordon de la tagordo de la Ĉambroj, kiam temas pri vicreĝeco okaze de ne-plenaĝeco de la estonta reĝo, kaj okaze de reĝo en la neebleco regi. En la dua okazo, oni unue devas zorgi pri la kuratoreco. De tiu momento efektive ne plu estas reĝo, kaj oni do povas anstataŭi lin per vicreĝo. En la unua okazo kontraŭe, la vicreĝeco estas la precipa, la kuratoreco nur garantia afero.

Art. 83. — La vicreĝeco nur povas esti donata al unu persono.

La vicreĝo akceptas sian funkcion nur, post kiam li ĵuris, kiel fiksite en art. 80.

Art. 83. — En Belgujo oni do ne povas nomi komision, kiel okazis en Jugoslavujo, por la reĝeto Petro. Vicreĝo estas en nia lando vera reĝo kun tiu nura diferenco, ke lia funkcio havas limon antaŭe fiksatan. La Nacia Kongreso tiel volis eviti eventualajn komplikaĵojn kaj dividon de respondeco en la plej alta povo de la Nacio.

Art. 84. — Dum vicreĝeco, ŝanĝo al la Konstitu-

# La Gazetaro parolas...

**Redaktas: H. A. R. S.**

ESPERANTOSTANDO. — Kompense al la efika reklamo atingita pere de Esp-o, la direkcio de la foiro de Reichenberg (Ĉeĥoslovakujo) disponigis al la Germana Esp-o-Societo de Reichenberg senpagan standon por efika propagando de Esp-o; ĝi estis vizitata de foirinteresitoj el 15 nacioj.

*(Esperanto — U.E.A.)*

— OFICIALA REKONO DE ESP-O. — S-ro De Waard estis nomata oficiala tradukisto ĉe la Rotterdama kortumo. Jen la unua oficiala apogo de la nederlanda jurista medio.

*(Laborista Esperantisto.)*

— EL MAROKO. — En Tetuán (Maroko )oni starigis esp-o-grupon. Ĝi estas la dua en la lando. Kurso, de ĝi organizita, estas ĉeestata de multaj gelernantoj.

*(Laborista Esperantisto.)*

— GVIDLIBRO PRI ROMO. — Kiel dua volumo de la serio « La verdaj Gvidlibroj » eldonataj sub la aŭspicoj de la Itala Turisma Klubo en Milano, estas prezentita al ni okaze de la Dudeksepa; ĝi estas belega verko : « Gvidlibro pri Romo kaj ĉirkaŭaĵo ». *(Esperanto - U.E.A.)*

— STENOGRAFA INSTITUTO TUTMONDA. — Kiel unua manifestacio pri tiaj povoj, la S.I.T. decidis baldaŭ eldoni la « Unuan Libron de S.I.T. ». Ĝi enhavos multajn interesaĵojn kaj pere de ĝi la diverslandaj gemembroj povos pli oportune interkontaktiĝi. *(Fluganta Skribilo.)*

ESP-O EN LA NACIA GAZETARO. — La granda nederlandlingva gazeto « Haagsche Post » malfermis esp-o-lingvan rubrikon en kiu troviĝas en ĉiu numero interesaj artikoloj de Andreo Cseh pri Esperanto kaj ĝia Movado.

*(Franca Esperantisto.)*

ESPERANTO KAJ RADIO. — Laŭ ĵus aperinta statistiko okazis en 1934 entute 1.347 dissendoj de radioparoladoj en Esperanto, 375 dissendoj de Esp-o-kursoj, sume do 1.722 dissendoj el 75 sendostacioj en 15 landoj.

Dum la lastaj 10 jaroj okazis entute 20.521 esperanto-radiodissendoj. *(Esperanto - U.E.A.)*

— FOIRO DE LJUBLJANA. — La Komitato de tiu foiro disponigis, al la tiea grupo, ampleksan standon. Diversaj samideanoj regule deĵoris por respondi al ĉiuj eblaj demandoj kaj deziroj de la multaj interesitoj. *(La Suda Stelo.)*

# Esperanto kaj Radio

*Estonte S-ro Jungfer, prezidanto de la Internacia Radio-Komisiono, kiu, dum sep jaroj, energie zorgis pri la Int. Radio-Servo kaj kompilis la programojn de esperanto-disaŭdigoj, ne plu povos sin okupi pri tio — almenaŭ provizore — pro privataj kaŭzoj.*

*Nia Redakcio ege bedaŭras tion sed profitas la okazon danki S-ron Jungfer pro la bona laboro kiun li faris, ofte en malfacilaj cirkonstancoj.*

*Por kontentigi niajn legantojn ni povas aldoni ke certe la neceso estos farata por ke ni povu daŭrigi la enpresadon de la Esperanto-Radio-Programo.*

cia Leĝo ne povas okazi.

Art. 84. — Tiu ĉi decido rajtas mirigi, kiam oni pripensas ke vicreĝeco povas daŭri ĝis dek-ok jarojn, kiam temas pri Infano-reĝo kaj eĉ pli, en okazo de neebleco de la Reĝo por regi.

Art. 85. — Se la trono vakas, la Ĉambroj, kunvenintaj kune, prizorgas unue vicreĝecon, ĝis kiam la tute renovigataj Ĉambroj kunvenas ; tiu ĉi kunveno okazos plej laste post du monatoj. La novaj Ĉambroj, decidantaj kune, prizorgos definitive la vakantecon.

*(Sekvo en proksima numero.)*

Trad. kaj klarigis
Maur. JAUMOTTE.

# Bibliografio

## ZAMENHOF-tago: LIBRO-tago

*USONO (2). — N-ro 4 de la Internacia Serio de A. KENNGOTT. Formato: 10,5×15 cm.; prezo: Svfr.: 0,50; 32 pĝ. Eld.: « Internacia Eldonejo ». Ĉe presejo Helmond - Nederlando.*

Tiu ĉi libreto estas la daŭrigo de la 3a numero el la dekcenda biblioteko. Ĝi denove alportas al ni diversajn sciindaĵojn pri la « lando de l'fabeloj » kaj estas samptempe bona legolibreto por komencantaj esperantistoj. S-ro Kenngott scias kiamaniere li devas rakonti fakajn, eĉ ofte sciencajn detalojn, ĉiam konservante agrablan rakontstilon.

La eldonaĵoj el tiu ĉi serio, plaĉaspektaj kaj nemultekostaj, meritas nian atenton.

*ĈU SOCIALISMO KONSTRUIĜAS EN SOVETIO? (Biblioteko de Herezulo) de E. LANTI kaj M. IVON. Formato: 14×21 cm.; 52 pĝ.; prezo 3 fr. fr. + sendkostoj. Eld.: Esperanto, 14, av. de Corbéra, Paris (XII).*

La verketo konsistas el interparolado inter tri personoj: herezulo, ortodoksulo kaj objektiva atestanto. La lasta vivis dum pluraj jaroj en Sovetio, tie laboradis, estis ĉiam en intima kontakto kun la popolo kaj forlasis la landon antaŭ nelonge.

La preso, aranĝo kaj papero estas tre bonaj kaj la libreto kiu estas eĉ ilustrita — pensu pri la malalta prezo — estas tre leginda por ĉiu kiu iomete interesiĝas pri Sovetio.

*LA KVAKERISMO — Religio sen ritoj. — William E. Wilson, M. A. Kvakera Esperantista Asocio, 66 Kineton Green Road, Olton/Birmingham, Anglujo. Prezo: 3 pencoj (afrankite); 12 pĝ.; 12,5×18 cm.*

La libreto donas mallongan historion de la Kvakerismo, religio jam diversloke forte enradikiĝinta. Lingvo kaj aranĝo estas bonaj.

ATENTU! **Ĉiuj ĉi-supre recenzitaj aŭ menciitaj libroj estas aĉeteblaj ĉe Belga Esper.-Instituto, Willemsstr., 21 Antverpeno.**












Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.

